Jaro I (III). N.o 9 (17) Junio 1924

# Sennacieca Revuo



Oficiala Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda

## LITERATUR-SCIENCA ALDONO

Antaŭe "La Nova Epoko"

ENHAVO:



**Redakcio: 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo I (Rusio)**
**Administracio: R. Lerchner, Colmstrasse 1, III., Leipzig-Stötteritz (Germ.)**

# REDAKCIA ANGULO

Kelkfoje ni jam parolis pri la deziro, ke nia revuo estu kolektiva verko de nia membraro, kaj ni jam povis konstati la faktojn, kiuj pruvas, ke nia Aldono jam surpaŝis ĉi vojon de la kolektiva krea laboro. Konvinkas nin pri tio ankaŭ la ricevitaj kritikoj: ili estas penetritaj de deziro helpo en nia laboro per rimarkoj, atentigoj, konsiloj. Tiu fakto estas multe ĝojiga; kapitalisma sociordo kutimigis nin silenti pri ecoj de objekto akirata, en kapitalisma ordo ni kutimis al ĉio rilati kiel al varo (sed ne kiel al produktaĵo) kaj esprimi niajn simpatiojn aŭ malsimpatiojn per silenta aĉeto aŭ ne aĉeto; do se iu revuo ne plaĉas — oni ĝin simple ne abonas; alia estas rilato de niaj kunmembroj al la revuo; ili diras — per mia abono mi partoprenas en aperigado de l'revuo, malgraŭ ke mi scias pri ĝiaj mankoj, ĉar samtempe mi esprimas mian opinion pri la vojo korekti la erarojn. Sekve S.A.T. sukcese plenumas sian taskon, se tiel klare aperas inter ni la signoj de la ekĝermanta, en la koopero de niaj fortoj naskiĝanta, socialisma spirito!

Proksimas nia IVa kongreso. Dum ĝi ni sukcesos, nelimigitaj de unupaĝa spaco, interŝanĝi niajn opiniojn pri la revuo, pri metodoj de nia literatur-scienca agado kaj pri la vojo irenda. Jam nun ni preparu nin al tiu interŝanĝo de opinioj por utiligi en la sekvonta jaro ĝiajn rezultojn.

Kaj dume ni konstatu novan aron de manuskriptoj venintaj. Inter ili kelkaj estas senditaj por nia kontraŭmilita (aŭgusta) numero, responde al la alvoko en februara red. angulo, — "La milito" trad. el portug. lingvo de k.do *A. Ribeiro*, fragmento el "Boule Carcasse", trad. de k.do *L. Bergiers*, "Pipo" de *E. Erenburg*. Tamen ni esperas ĝustatempe (ĝis meze de junio) ricevi ankoraŭ kelkajn promesitajn verketojn por tiu numero.

En la vico de numeroj special-temaj ni preparas ankaŭ la ateistan. Tradukaĵo de k.do *K. Fröding* el *U. Sinclair* bone taŭgas por tiu numero, samkiel tradukaĵo de k.do *G. de Bruin* el *Multatuli* kaj versaĵo de k.do *Grizonski*.

Al serio de simplastilaj legaĵoj apartenas la aperonta tradukaĵo de *Kurt Müncer* ("En la tunelo"). Bona skizo de k.do *Krassovski* pri *Knut Hamsun* aperos en proksimaj numeroj.

El poeziaĵoj aperontaj ni notu prozan poemon "La Maro", trad. de k.do *O. Sall*, poemon "En la vojaĝo", trad. de k.do *N. Krassovski,* originalan versaĵon de k.do *Izgur* (fakto tre ĝojiga, kiam verkisto jam sperta transiras al originala verkado en Esp.o!), kelkajn versojn de k.do *Istratov* kaj [kvarverson, trad. el persa lingvo de k.do *E. Rebrik.*

Artikolo de k.do Rublev aperas en ĉi numero, sed ni atendas aliajn promesitajn de li artikolojn, montrantajn jaman efektivigon de la ideo skizita.

Ni kutime notas en nia redakcia angulo nur verkojn akceptitajn por enpreso. Taŭgaloke ni ripetu hodiaŭ ankaŭ aliajn teknikajn aranĝojn. Ni ne resendas la ricevitajn manuskriptojn kaj respondas al kunlaborantoj, nur se estas aldonita poŝtkarto afrankita. Laŭeble k.doj evitu sin turni al la redakcio kun demandoj, ne rilatantaj redaktadon de "L.-S.A.", ĉar pro laboro sufiĉe abunda la redaktantoj plej ofte ne kapablas plenumi tiajn petojn.

Kutime ni ne notas revuojn interŝanĝe ricevitajn; tamen ni gratulu niajn japaniajn samlingvanojn pri aperigo de "La Medicino", kiun ni danke ricevis kaj salutas kiel novan nian kunulon sur la vojo de serioza lingvoapliko.

*La redakcio*





# LA PIA KATO[1])

I. L. PEREC

Tri kantbirdoj estis en la ĉambro kaj ĉiujn tri sinsekve la kato senvivigis...

Ĝi ne estis ordinara kato. Ĝi estis vere pia animo, havis malfieran aspekton kaj okulojn, en kiuj sin respegulis la ĉielo...

Ĝi estis kato dio-tima, senpeka estaĵo. Dekfoje tage ĝi sin lavis... kaj manĝis trankvile ie en angulo, en kaŝejo...

Tage ĝi sin nutris per laktaĵoj kaj nokte konsumis viandon, koŝeran muskarnon...

Kaj la kato ne estis manĝanta avide. Ne kaptaĉis kaj ne glutis kiel manĝegistoj, sed maĉis plezure, ludante... Vivu la muso ankoraŭ minuton, sekundon plu... Ĉirkaŭdancu ĝi, mortetremu iomete, konfesu antaŭe la pekojn — pia kato ja ne rapidas...

Kiam oni venigis en la ĉambron la unuan kantbirdon la kato tuj ekkompatis ĝin per la tuta sia pia koro.

Tia bela — ĝi ĝemas — tia malgranda, tia ĉarma birdeto kaj jam tiel pekema.

Kaj pekoj ĝiaj estas grandaj — pensas la kato.

Unue; ĝi ne lavas sin laŭrite; sed per la tuta korpo en la pladeto de akvo...

Due; se oni ĝin enkaĝigis, certe ĝi devas esti danĝera kreitaĵo. Kvankam juna, dolĉa kaj agrabla kantbirdeto, ĝi preferas jam perforton ol leĝaron...

Kaj la kantado sole? La malĉasta kantado, la fajfado kaj la sentima rigardado ĉielen... Kaj la dezirego eliĝi el la kaĝo al la pekanta mondo, al la libera aero, al la malfermita fenestro...

Ĉu iam la kato sidis en kaĝo? Ĉu iam la pia kato tiel fajfadis, tiel revolucie kantis?..

Kaj domaĝo! — ploras la sentplena koro en la pia kato — ĝi ja estas vivantaĵo, kara animo, fajrero de l'supro.

---

1) La konata gvidanto de la socialista partio ' Bund" en Polio, B. Miĥalevič, rakontas en siaj "Rememoroj de juda socialisto" (1-a vol.), ke en la fino de l'pasinta jarcento "Bund" intencis eldoni gazeton neperiodan por la juda laboristaro, al kiu estis kunlaboranta Perec. La cenzuro tamen malpermesis la aperadon kaj forstrekis la tutan materialon, esceptinte la ĉi-supre presatan alegorion. Plendis Perec: "Se tia klera homo, kia estas la cenzuristo, ne komprenis min, do kiel min komprenos la malklera popolamaso?.."

Kaj efektive kaŝis lerte la aŭtoro la tendencon, kiun tamen ĉiu meditema kaj konscia laboristo komprenos, konsciante la rilaton de la burĝa klaso al la proletaro. La trad.

La okuloj de l'kato pleniĝas per larmoj:

"Kaj la tuta malfeliĉo estas, ke la pekema korpo estas tiel bela, la deziro ĝuadi tiel granda, la pasio tiel forta..."

Kiel povas tia malgranda, dolĉa birdeto kontraŭstari la terure grandegan pasion!

Kaj ju pli longe ĝi vivas, des pli multe ĝi pekas kaj des pli granda estos la puno...

Ha!...

Kaj sankta fajro ekbruliĝis en la kato, ĝi saltis sur la tablon, kie staris la kaĝo kun la kantbirdo kaj —

Flugas jam la plumoj en la ĉambro...

---

Oni batis la katon... La batojn ĝi akceptis ameme... Ĝi pie ekspiris, ekmiaŭis ĝeman pekpreĝon...

Ĝi jam ne pekos plu...

La saĝa kato komprenas, kial oni ĝin vipis... Ĝi jam plu ne meritos vipfrapojn...

Oni ĝin batis — rezonas la kato — pro tio ke ĝi plenplumigis la ĉambron; ĉar sur la blanka brodita tablotuko estis disverŝitaj sangogutoj...

Tian verdikton oni devas plenumi kompateme, silente kaj pie, por ke plumo ne flugu, sangero ne gutu...

Kaj — kiam oni venigis en la ĉambron la duan kantbirdon, la kato ĝin jam sufokis senbrue, perfekte kaj kune kun la plumoj englutis...

---

Oni vergis la katon...

Nun la kato ekkomprenis, ke ĝi kulpas ne pro la plumoj kaj ne pro la sangmakuloj sur la tablotuko...

La puno estas pro tio, ke oni ne devas mortigi... Oni devas nur ami, pardoni... Ne per mortpunoj oni plibonigos la mondon!

Oni devas rebonigi, moraligi, indulgi la pekulojn!

Pentfaranta kanario povas atingi tian gradon de perfekteco kaj senkulpeco, pri kiu eĉ la plej pia kato ne sonĝis...

Kaj la kato eksentas, kiel ĝia koro saltas pro ĝojo. For malnovaj, malbonaj kaj senkompataj tempoj! For sangverŝado!

Kompato, kompato kaj ankoraŭfoje kompato...

---

Kaj kun kompato ĝi aliris al la tria kanario.

Ne timu — ĝi diras per la plej mola voĉo, kiu iam eliĝis el la katgorĝo — pekplena ci estas, sed mi ne malbonfaros al ci, ĉar mi cin kompatas!

Mi eĉ ne malfermos la kaĝon, mi eĉ ne ektuŝos cin!

Ci silentas? — tre bone! Estas pli bone silenti ol kanti malĉastajn kantojn!

Ci baraktas — ankoraŭ pli bone! Baraktu, sin ĵetu, mia kara, sed ne antaŭ mi, antaŭ la mondkreinto saltu, por lia nomo tremu!

Dio donu, ke ci jam restu tiel silenta, pura kaj baraktanta...

Mi ĉin helpos barakti! De mia pia animo mi spiros sur ĉin kompaton, dolĉecon kaj piecon... Kun mia spiro eniĝas kredo ĉian korpon, di-timo — ĉiajn ostojn, pento kaj bedaŭro — ĉian koreton!
Kaj la kato sentas, kiel agrable estas pardoni, kiel ĝoje estas spiri en iun la piecon kaj fidelecon...
Kreskas la plej pia koro de la plej pia kato —
Sed la kanario ne povas spiri la kat-aeron —
Ĝi sufokiĝis!... El la juda tradukis *I. Juŭysta.*



# *MIA PATROLANDO*

*ALBIN REHNBERG*

*La patroland' — ki' estas ĝi? —*
*La land' por mizerega sort',*
*en malliber', katen' al mi*
*kun sufereg' kaj mort'!*

*La patroland'! Vort' de malver'*
*el buŝo de la potencul',*
*por mi, mi estas nur sabler'*
*— sur tero — suferul':*

*Prolet' mizera estas mi!*
*La patroland', la patroland'*
*regata de maljusta band' —*
*— malben', malam' al ĝi!*

*El sveda lingvo trad.* Karl Johansson.



# KIUN?

M. ŜMUELSON

Vespero. Post la sesa horo laboristamaso aperas el fabriko, kvazaŭ pizoj el sako. La strato estas nigra, homplena. Inter la homa arego sin trenas Mister Grin — sekiĝinta elturmentita bluzkudristo. Laca, kun membroj kvazaŭ rompitaj post malfacila labortago — li paŝaĉas al sia loĝejo. Li loĝas ie en Bronks. En la vagono de subtera fervojo li sukcesis trovi liberan lokon. Li sin sidigas, komencas etendi komforteme la lacajn dolorplenajn piedojn — kaj li sentas kvazaŭ la laco iom eliĝas tra la kalkanoj. Apud la dua stacio inter ceteraj pasaĝeroj eniras grizulo-maljunegulo. Tremas ĉiuj membroj liaj. La sidlokoj estas ĉiuj okupitaj. Li stariĝas ĝuste kontraŭ niá Mister Grin kaj tenas la rimenon per tremantaj manoj. La mizera bluzkudristo ĉagrene ĝemetas kaj leviĝas de sia oportuna sidejo. Lian lokon okupas la grizharulo. Kaj anstataŭ la maljunulo la rimenon

nun tenas nia senfortigita bluzfaristo, ŝanĝante alterne la lacajn piedojn. El inter la staranta publiko subite elŝoviĝas junulino-ruĝvangulino, sana, dikmembra, kun alta brusto. La junulino stariĝas apud la sekiĝinta bluzkudristo.

La grizulo leviĝas, klinsalutas levante la ĉapelon kaj liberigas la sidlokon... La junulino sidiĝas... Strangokule ekrigardas la bluzisto alterne la maljunulon, la fraŭlinon — poste ilin ambaŭ, ĵetas ĉirkaŭrigardon kaj ekgrumblas: "idioteco!".

Mi ne scias kiun ĝi koncernis — ĉu lin mem, la junulinon aŭ la grizulon...

Novjorko 1918. El juda lingvo tradukis *G. B.*

# ĈIUTAGA OKAZANTAĴO

...Oni portas iun malvivan korpon sur la portilo. La paŝitan vojon signas vico de la sangogutoj... La portantoj marŝas senvorte. Nur la lipoj de la pli juna tremas, konvulsie moviĝetas...

"Malriĉa virino kun tri malfortaj infanoj!" — aŭdiĝas mallaŭte, lace... Maljunulo eksvingis per la fulga maniko sur la sulkiĝinta, senkoloriĝinta vizaĝo: "Malriĉa virino kun tri malfortaj infanoj!"

— — — — — — — — — — — — — — — — — —

En la kontoro kolere strabas la sinjoro, malbonhumore li leviĝas de la apogseĝo kaj kraĉas: "Certe ili venas postuli la kompenson! Al la diablo, kiu kompensos al mi por tio, ke miaj maŝinoj devas esti malproduktantaj duontagon pro li?!" El estona lingvo trad. *O. Sall.*

# PROLETO MICHEL

(Malbonaj ŝancoj aŭ vanaj esperoj)

P a s t r o: — Nu, Michel, kiel vi fartas?

M i c h e l: — Malbone, sinjoro pastro, mi devas esti ĉiam viŝtuko por ĉiuj, kaj se estas io farenda, oni tuj vokas unue min.

P a s t r o: — Ne perdu kuraĝon, Michel, la tero estas suferazilo, sed en la ĉielo ĉio estas al vi rekompencota.

M i c h e l: — Ne, sinjoro pastro, tion mi ne kredas. Sciu, kio estos en la ĉielo. Oni certe estos vokonta min ĉiam: "Michel, bruligu la sunon; Michel, elpendigu la lunon; Michel, purigu la stelojn; Michel, liberigu la tondron; Michel, kribru la hajlon; Michel, deĵetu la nubon; Michel, helpu fulmi; Michel, sekvu la ventegon" — kaj ĉio alia...

(„Der Freimütiger" 1850.) Trad. *A. Levandovski.*



# NIA VOJO

ERNST TOLLER

*Ekzistorajton perdis monaĥejoj, do sekiĝis.*
*Sonorileton supersonis la fabriksireno!*
*Kaj la milpaŝa de liber' alveno*
*Je monaĥeja pordo ne haltiĝas.*

*Kie monaĥoj diris al serĉant' naiva,*
*Ke savon donas asketec', dezerta solo,*
*Unu kriego, unu fera volo*
*Torentas al la pordoj, donas vivon!*

*Ni ne turmentas korpojn sur najlara breto,*
*Alian vojon trovis ni al Dio,*
*Ni ne batalas laŭ la eklezio,*

*Pacregnon donos ni sen pia peto,*
*Kondukos subprematon al libero,*
*Batali devas ni pri sakrament' de l'tero!*

*El germ. lingvo trad.* A. Sproeck.



# ALEKSANDRO MACEDONA

Skiza novelo

6) L. SEJFULLINA (Fino)

VII

Ĉiam pli peza estas la paŝo de l' severa mil naŭcent dudeka jaro. Pli sentebla spirado de mankoj. Kaj la ĝoja, ĉiam justa, la vivon vigliganta, spirito de arogoj nur vastiĝas. Planoj, projektoj, antaŭkalkuloj.

Dum la granda kunveno de respondecaj laborantoj estis diskutata projekto pri konstruado en la urbo de grandioza laborista palaco. Inĝenieroj desegnaĵojn estis prezentantaj. Al ĉiuj plaĉis la plej grandioza. La konstruaĵo duoble pli granda ol tiu de Ŝanjavski-Universitato en Moskvo. Kun multaj teknikaj perfektigoj. Kun mekanika eligado kaj enigado de seĝoj en murajn niĉojn, kun turnebla scenejo, kun nevidita en Rusio ventolado.

Macedona ĉion kvazaŭ fabelon estis aŭskultanta. Kaj sub ĝia narkozo la unua laŭte li diris, rigardante desegnaĵon de l' palaco:

— Se ankoraŭ iom pli alte...

Tuje ĉiuj konfirmis:

— Pli alte, pli alte necesas!

Dum tiu ĉi kunveno aliris Macedonan nova homo. Altkreska, vilhara, kun serena rigardo de bluaj infanecaj okuloj.

— Filineton vian mi konis. Tie ĉi ni estis renkontiĝantaj.

Kvazaŭ io saltigis Macedonan al li. Li demandadis, aŭskultadis la vortojn diritajn de Elizabenjo. Kvazaŭ kun ŝi mem li vidiĝis.

De la kunveno kune ili eliris. Evidentiĝis, ke la nova konato estas instruktoro en la gubernia popolkleriga fako. Dumvoje li ĉiam pri la projekto de palaco estis admiranta.

Sed Macedona jam estingiĝis. Malĝoje li diris:

— Rimedoj mankos.

Sed poste, viviĝinte, li ekvigliĝis:

— Tamen *ni* elpensis.

— Ĝuste! Jen ĉi tio min ja allogas! Pezan krucon de redempto[1] ni portas! Per la tuta lando ni portas pro la antaŭa aĉa tempo! Kaj al la mondo ni ĵetas grandajn ideojn! Ni pentofaras, ni pagas!

Macedona konfuziĝis, ne rekomprenis:

— Pri kio pentofari? Kia redempto?

Sed aŭskultis la emfazan parolon volonte. Kvankam eĉ la duonon li ne komprenis. Laŭ sia maniero la tutan parolon li resumis:

— Pli akurate labori necesas.

La projekto de laborista palaco restis nefinita. Desegninko en la urbo ne estis trovebla. Sed de tiu vespero amikiĝis Macedona kun la instruktoro Jakovlev. Nekomprenojn siajn al li rakontadis. Eĉ al la bieno lin invitis. Dumvoje li plendetis:

— Oni vidas, ĝusta homo vi estas. Nur rilate partianecon manketon vi havas!

— Kaj vi nepre bezonas ĉion stampi!

— La stampado ankaŭ por distingigo necesas. Nu, do bone ja!

Helpis unufoje lin Jakovlev. Pri la neceso de memklerigo varmeĝe en la partikomitatoj oni ekdiskutis. Deklaris oni dum iu kunveno al Macedona:

— Kamarado Macedona, elektu librojn, tralegu. Estas vi komisiata fari raporton pri la primitiva komunismo.

---

[1]) redempti (relig.) — forigi de si pezon de pekoj per oferoj.

He, jen tie ĉi la baro! La libroj, jes la libroj... sed kiel kompreni ilin? Venis li kun sia zorgo al Jakovlev. Ĉi tiu per siaj propraj vortoj kelkion sur papereto skribis. En la libro necesajn lokojn per krajono notis. Tralegi li sukcesos. Tion ĉi li scipovas. Legoscion li bone posedis.

Sed en la ĉelo partia tamen li malkuraĝiĝis kaj, balbutante, avertis:

— Kamarado Jakovlev, tio esas senpartiulo unu, por mi tie ĉi skribis. Mi mem iomete ne kapablis. Do jen laŭ lia skribaĵeto...

Multe oni ridis, sed iĝis lin tralegi. Evidentiĝis, ke estas ĝuste. Al Peĉjo li rakontis:

— Nu ĝuste, kvazaŭ lekcion, mi tralegis! Nun ĉion mi ekposedis! Jen mi al vi tuj ĉion klarigos.

Jakovlev alian urbon forveturis, sed Macedona ne forgesis lin:

— Jen dankon al la homo! La primitivan komunismon kun mi li trastudis.

Pli kruela, pli rapidega estas de l' tagoj atako. De tiuj, kiujn neniu el la memoro elskrapi sukcesos. De tiuj, pri kiuj al infanoj, ne jam naskiĝintaj, lernolibroj de historio rakontos. De ti-kiuj lasis sian stampon por longe sur ĉiuj rusiaj urboj, urbetoj kaj vilaĝoj.

Ĉirkaŭ la urbo kaj en la urbo estis multe da lukto, bataloj, mortoj.

Iun sabaton forveturis Aleksandro Macedona al la bieno kaj tie iel prokrastis. Oni rememoris pri li, nur kiam bezono pri li estiĝis. En la kolegio malkonsento okazis. Unu voĉo devis iun opinion decidiga fari. Oni telefonis al la bieno. Pertelefone oni respondis:

— Hieraŭ mortis li pro ekzantema tifo.

Antaŭ ol malsaniĝi, malagrablaĵon li havis.

El la domo de sinjoro Ŝidlovski papagon en kaĝo al la biblioteko oni donis. Flegi ĝin la bibliotekistino ne deziris. Al la familio de Macedona la birdon ŝi alportis.

— Jen, vi admiris, do prenu al vi! Tute egale ĝi mortaĉos.

Treege al la birdo instruita ekĝojis Aleksandro Macedona:

— Papaĉjo, nu do diru: perdriketo![1])

Kaj kamaradino Leonova, la instruistino, kun la bibliotekistino pro militkomisaro malpaciĝis. Denuncon kontraŭ la bibliotekistino ŝi skribis, samtempe ankaŭ kontraŭ Macedona.

Ke la socian papagon ŝtelis li.

Por esplori oni venis. La tutan vesperon, post foriro de la esplorantoj, plendis li:

— Tre hontige! Eh, kiel makulis oni min!

Kaj sekvantan tagon li malsaniĝis. Kaj jam ne leviĝis. Bedaŭris oni ĉe la bieno, sed ridetis:

— Pro ektimo, verŝajne, eĉ mortis li.

En la urbo, en la ĉelo, iu spritis:

— Do tiel mortis nia Aleksandro Macedona restante en la primitiva komunismo.

Al la tombejo akompanis lin uzinanoj per grandega severa amaso. Flagojn oni mallevis super la mallaŭta, nun mallaŭtiĝinta por ĉiam. Mallertan, abruptan paroladon maljuneta ruĝhara laboristo faris. Mallongan:

— Sekve do, kamaradoj, ĝusta li estis homo! Laborema! Oni rekte diru: por si li rekompencis, ne vane la teron li piedpremis!

El la rusa kun permeso de l' aŭtoro tradukis *Nikodem*.

---

[1]) En la originalo similsona rusa vorto, malfacile prononcebla por papago.

# SEJFULLINA

*Morpentristo de la rusa revolucio*

*G. DEMIDJUK*

La vivo estas granda. Necesas volumojn skribi pri ĝi. Kaj ĉirkaŭe bolas. Mankas tempo longe legi kaj rakonti. Pli bone — fragmentoj.
L. Sejfullina. Kvar ĉapitroj. Novelo.



Apero de L. Sejfullina sur la fronto revolucia estis sufiĉe subita, kaj tio estas tre karakteriza por la revolucia tempo. En 1922 j. aperis en iu Siberia revuo unua rakonto de tiu juna duontatarino kaj post apenaŭ unu jaro literaturaj kritikistoj jam plene konfesis ŝian talenton. Laŭ sia literatura direkto ŝi apartenas al la skolo de revoluciaj realistoj. Tiu skolo venis anstataŭe al romante-heroeca literaturo, precipe poezio, de la unuaj revolucijaroj. Pentrante morojn de laborista vivo en revolucia Sovetio, la revoluci-realisma skolo celas montri naskiĝon de la Novo, pli ĝuste de ties ĝermoj, el la ruinoj de forvivanta epoko. Ĉiun naskoakton la naturo faris malfacila, multedolora kaj ne ĉiam bela, sed la apero de nova vivantaĵo kompensas plene la dolorojn kaj suferojn.

Ni ne serĉu do en la verkoj de revoluciaj realistoj belajn idiliojn. Tute ne, en la verkoj de L. Sejfullina antaŭ ni trapasas bildoj de l' vivo ti-kia ĝi estas, sen plibeligoj, sen ornamadoj, sen malnecesaj artifikoj.

Jen en la novelo "Humo" antaŭ niaj okuloj trapasas siberia vilaĝo dum la unuaj monatoj de l' revolucio. Du centraj figuroj — soldato bolŝeviko Sofron kaj estinta vilaĝestro Jiganov reprezentas du partojn de kamparanaro, inter kiu dank' al la revolucio okazas klasa diferenciĝo: unuflanke posedantoj de grandaj terareoj, aliflanke — de malgrandaj parceloj, senteruloj kaj senĉevaluloj. La antaŭa, dum jarcentoj formiĝinta, vivo rompiĝas; aperas signoj de la nova vivo, de la nova ordo, sed tiuj jam en sia ĝermo renkontas fortan kontraŭstaron flanke de l' riĉa kamparanaro. Intuicie kaptas la malriĉularo vilaĝa ideojn de revolucio; jarcenta malklero peze premas kaj malhelpas koncepti ilin racie. Ĉirkaŭe bolas bataloj, de ie atakas kozakoj, svarmas malamikoj en la vilaĝo mem. Naskiĝas suspektemo: sufiĉas ke sur domo de vilaĝa kuracisto, laŭvide malsimpatianta al la revolucio, ekzistas fulmoforigilo — kaj ĉe la kamparanoj, en la malklero naskiĝintaj kaj kreskintaj, aperas supozo, ke per ĝi la kuracisto interrilatas, kiel per telefono, kun la kozakoj. Sekvas terura murdo, tute nenecesa, superflua ... Sed jen venas la kozakoj kaj ne malpli terure estas mortigataj la vilaĝaj bolŝevikoj: dudeknaŭ estas ĝismorte turmentitaj, poste iliaj familianoj ... Kruelo senlima: al graveda edzino de Sofron oni distranĉas la ventron kaj la infanon naskotan oni ĵetas al porkoj ... Kaj kruele sonas en buŝo de iu vilaĝano la konkluda frazo:

"— La tero bonan rikolton donos. Per bolŝevikoj ĝi estas sterkita."

Kruda, nude kruela vivo: antaŭ ol naskiĝos la Novo, multaj homvivoj devas sterki la teron, formi "Humon", por ke la tero donu bonan rikolton ...

Kaj malgraŭ tiuj krudo kaj kruelo post tralego de l' novelo ĉe vi naskiĝas tia forta, tia nedetenebla deziro vivi, batali por la vivo pli bona kaj ĝoja, fordoni la fortojn por la ekĝerminta novordo.

Kaj ĉu post tralego de "Aleksandro Macedona" ĉe vi ne aperas la sama deziro vivi kaj labori? Labori por proksimigi la momenton, kiam la vortoj: "en ĉiun vilaĝan lernejon po unu mikroskopo, kaj en la distriktajn — po teleskopo" fariĝos realigeblaj. Labori por helpi al miloj de la modernaj "Aleksandroj Macedonaj" elrampi el la retoj de malklero, venki la mizeron ĉirkaŭan kaj konkiri la estonton se ne por si, do almenaŭ por la infanoj. Kaj ĉu ne karakteriza por la epoko mem estas la nomo de tiu malgranda kaj malbrua homo — "Aleksandro Macedona": ne la ekstera heroa aspekto, ne la individua heroeco, sed la kolektiva volforto, la kolektiva "Aleksandro Macedona", kiu kapablas movigi la montojn kaj dum la tagoj de bataloj, de mizero kaj malsato revi kaj projekti belajn kaj perfektajn laborpalacojn... Kaj kia kontrasto inter la "instruitaj" kolegianoj kaj tiu elamasa hometo, kiu intuicie kaptas neceson de l' internacia lingvo por vera Internacio, kiu kaptas la neceson de tiu rimedo kaj mem ne havas rimedojn por sukcese ĝin pledi...

La verkoj de L. Sejfullina estas tre nemultenombraj: ŝi aperigis ĝis nun iun dekon da rakontoj kaj noveloj. Ni ne citu ilin ĉiujn. En ili same ŝprucas la vivo ti-kia ĝi estas — sen plibeligoj, sen superfluaj ornamadoj. En ili ŝi same rakontas simple, per mallongaj sed bildoriĉaj frazoj; per malmultaj streketoj ŝi plene pentras karakterizajn por la epoko tipojn kaj morojn... Sub ŝia plumo el la prozo de l' kruda vivo aperas la poezio de l' vivo, kiu malgraŭ ĉio ŝprucas fontane, senhalte iras antaŭen, kvankam per paŝoj malrapidaj kaj multdoloraj...

La verkistino mem jene formulas sian koncepton pri la belarta literaturo: "se post tralego de versaĵo aŭ rakonto vi ekdeziras verki, fari vian laboron, moviĝi, vivi, ami, malami — tio estas arta verko. Kaj se vi ekdeziras kuŝiĝi aŭ ĝemeti, aŭ subite vi rememoras, ke necesas aĉeti tabakon, — tio ne estas arta verko. Ĝi aldonis al nia vivo nek ĝojon, nek doloron". Kaj ŝi pravas: la sola destino de belarta literaturo estas veki ĉe legantaro kreivajn fortojn por konstruo de la vivo, veki en ĉiu "ĝojon de sentado en vivo". Kaj ŝiaj verkoj indas la nomon de artaj: prenante la vivon ti-kia ĝi estas, kun la tuta krudo kaj kruelo, sen ŝanĝi kaj sen plibeligi ĝin, L. Sejfullina montras ĝin al ni tiel, ke antaŭ ni, malgraŭ ĉio, reliefe aperas la poezio de l' vivo fontane ŝprucanta kaj ĉe ni naskiĝas la ĝojo de vivo kaj la deziro de krea laboro... 22. IV. 1924.



# Patri-ideo en la nuna rusa poezio

2) *N. NEKRASOV* (Daŭrigo)

4. Iel feste kaj sendolore okazis — subite por la plimulto — la marta revolucio 1917. Ĉiuj poetoj, eĉ neniam havintaj ion komunan kun revoluciemo, ekkantis panegirikojn al "Granda Rusa Revolucio".

Ni ne parolu pri la poetoj pli-malpli signifaj. Ni citu nur unu el la plej postrestantaj, taŭgaloke — la sufiĉe konatan por la esperantistoj — Georgon Deŝkin, kiu krom laŭroj en Esp.o-poezio serĉas ankaŭ florkronojn sur multe pli glita vojo de la rusa. Se en Esp.o-literaturo oni ĉiuokaze povas nomi lin nova klasikulo, en la rusa malgraŭ lia oficiala partoprenado en la grupo de t. n. "nov-klasikuloj" la kritiko ("Peĉatj i Revolucija") nomas lin unu el la plej senesperaj malnovuloj en la senco de neakceptemo de la nuntempeco.

Efektive, ŝajnus: kiel povus naskiĝi patria sento al simila vere internacia tipo de ampoetoj, kies tuta temaro turniĝas nur ĉirkaŭ persona intima liriko[1]? Kaj oni povas diri tute certe, ke estis nur unufoja kaj sendube lasta "peko" de Deŝkin, ke li verkis en marto 1917 sian libreton "En tiuj ĉi tagoj":

Unua foj' al mi hodiaŭ klaratestas,
Ke tamen al Rusuj' min ligas efektiv',
Ke eble ĝia sort' al mi pli kara estas,
Ol mia sopirad', ol mia propra viv'.

Jes, estas ruso mi! Renkonti feston iris
Mi, kiel civitan', en ĝoja maltrankvil'.
Per larmoj de feliĉ' ekplori mi deziris.
Rusujo! Patroland'! Mi estis vaga fil'.

Ne unufoje mi inklinis vin malbeni
Kaj forrezigni vin intencis kun sincer'.
Pardonu min! Al vi permesu nun reveni,
Patrino mia, vin amante pro sufer'.

Tiel la strato kaptas kaj infektas per sia entuziasmo ne nur la okazajn samvojirantojn, sed ankaŭ la preterpasantojn. Ĉu ĝi povas ne entuziasmigi?

Ja revaj' plenumiĝis;
Sur la stratoj — publiko!!!
Flagoj kiel papavoj brulas,
Kaj aspiras mi
Ke konstruiĝu Nova Rusi' —
La homara Miraklo-Respubliko!

Jen li, la krispahara skandalema poeto-futuristo Bazilo Kamenski, kiu kompreneble estas en unuaj vicoj antaŭ tiom grandioza vidindaĵo, kia estas la granda revolucio en Rusio.

En tio ĉi kredeble kuŝas la tuta sekreto.

5. Post tiu entuziasma ĝojtempo venis la periodo, kiam al la patriotismo estis metita decidiga ekzameno: la nacia patrio mortis!

Nikolao Klujev ekvidis en sidejo de la nova revolucia registaro ĉerkon kun restaĵoj de la Granda Rusio. Elio Erenburg verkis tutan plorsimfonian rekviemon antaŭ la kadavro de la perforte mortinta patrolando — "Preĝon pri Rusio" (1918).

Aliaj poetoj vidis en tiu ĉi morto naskiĝon de nova vivo.

Kamparana poeto Petro Oreŝin nomis la fajron, en kiu sin mem ekbruligis Rusio, fajro de tiamaniere rejuniĝanta Fenikso:

Ĉielo brulas post arbaro,
Ridegas ĝoja sonorad'.
Ĉu ne palacoj de la caro
Sub nordo brulas ĉe fasad'?
Kaj jetas for malbenon lastan
Per kupra krio sonoril'.
Ĉu kovris do Rusujon vastan
Fenikso sanga per flugil'?

En la puriga fajro de la socia revolucio do estas renaskiĝanta alia, nova, juna patrio, sed jam pli vasta, pli monda — kion montras al ni alia versaĵo de Oreŝin:

Mi kredas,
La hero proksimas:
Leviĝos Baltiko,
La nordo
Kaj la sudo
Oceane ektondros,
Londono,
Parizo,
Nov-Jorko
Kaj Berlino,
Pekino
Kaj Tokio —
Estos Moskvo,
Patrio
Mia kara,
Kies
Riveroj, kampoj, arbaroj
Al la tuta mondo
Tondras
Marsel-kanton!

Londono, Parizo, Nov-Jorko, Berlino, Pekino, Tokio — ĉiuj estos Moskvo, t. e. la tuta mondo fariĝos komuna patrio. Ne gravas, ke nun ĉiuj ĉi-urboj — Londono, Parizo, Nov-Jorko kaj Berlino, Pekino kaj Tokio —

1) Por eviti novan eventualan sensacion pri G. Deŝkin, instruite post mia fatala artikolo en kajero sesa-sepa de "La Nova Epoko" mi volas noti tie ĉi: Deŝkin estas mia bona miko, kies poezio estis por mi en 1916 kaj eĉ pli malfrue modelo por lerni la Esp. versarton. Ofte, kiam mi havas angoran humoron, mi venas al Deŝkin — kaj en lia ĉeesto mirinde kvietiĝas mia animo. Vere miaj skribaĵoj pri li estis plej riproĉinda porkaĵo!

Ĉiuj
Penas min
Sufoki en maŝo!
Mi ne timas,
Ne dolorsentas!
Firme

Kun pafilo en mano,
Kiel fidela
Soldato de la revolucio,
Mi staras
Ĉe gardo
De la grandaj okazontaĵoj!

Sed ankaŭ tie ĉi tiu heroeca firmeco transiras al martireca sinofero — pure nacia trajto de la rusa karaktero!

Batu min,
Per vipoj,
Malsato,
Epidemio.
Pendigu min
Kaj mortpafu
El ĉiuj kvar flankoj

De la mondo, —
Mi ne timas,
Ne dolorsentas,
Ĉar mi estas firma,
Kiel ŝtono,
Kaj potenca,
Kiel Rusio!

Stranga heredaĵo dė idolana kulto, miksita kun vere kristanisma ideo de sinofero por la proksimulo — ia mistika soleneco, sakra misterio de dipasioj — simbolismo de postmorta renaskiĝo en alia mondo — ĉio ĉi tiom karakteriza por la tuta rusa literaturo (samkiel cetere ankaŭ por kelkaj aliaj, precipe orientaj) kiel ajn — tamen estas rimarkebla eĉ en la moderna patriota poezio rusa.

Sonoras la funebra sonorilo de l'enterigo de la plej kara patrio, kaj samtempe ĝia morto signifas revivon en la alia mondo. Juna talenta poeto Sergio Jesenin energie frapas tiun mortsonorilon en malluma nokto, kiu estas antaŭ la hela tagiĝo:

Ĉiel' — sonorilo.
Lun' — ĝia artik'.
Patri', via filo,
Mi — nun bolŝevik'.
Por la universa
Homara ide'
Mi ĝojas per verso
Pri via pere'.

Fortika, plenvola,
Por via formort'
Per lun' mondkupolon
Mi batas kun fort'.
Ho, fratoj — monduloj,
Al vi mia himn':
Jen en la nebulo
Helvoko trans lim'.

Tra nebulo jam klariĝas konturoj de la nova mondo.

6. Kaj ree sur la scenon la antaŭe nomita Andreo Bely alportas la malnovan — ĉiaman — rusan ideon: mesian rolon de Rusio brulanta memmortige kaj per kosto de siaj suferoj portanta savon al la mondo:

Ĝemploru, venteg-incendio!
Min ĉifu simile al flok'!

Rusio, Rusio, Rusio —
Mesio de l'nova epok'!

Tiamaniere ni vidas la cirklon plene fermita: la malnova ideo, mortinte mem, transdonis sian vivon al sia idaĵo. La patrino-patrio en doloro, sango kaj febro de la naskado restigas al la mondo novan senkulpan estaĵon — la homon de l'estonteco. Tion vidas ankaŭ la poeto-imaginisto Anatolo Marienhof:

Esperoj
Viaj sputas internon
Kaj vi la ventron
Metas sub trancilon senespere.

Fekundiĝo
Estos ankoraŭ sur ruĝa lito,
Ankoraŭ nasko.
De via korpo
Malavare pecojn
Oni dividu en nom' de l'frateco.
Baldaŭ

El viaj mampintoj
Suĉos frate
Novaj aroj
Da popoloj.
Ankoraŭ ne unu revolucio
Estos vartata en via lulujo.
El via utero,
El via infero
Al pro sango ebria
Mondo oni eligos
Novan filinon —
Novan Evon.

La konkludo estas trudanta sin mem: la morto de l'nacia patrio donis vivon al la novnaskiĝanta homaro. (Finota.)



# Homlingvo, Esperanto kaj ilia evoluo

2)

(Marksisma vidpunkto)

*M. KRJUKOV*

(Daŭrigo)

Sed kial sukcesis nur sola el ili — Esperanto? Ĉar plejmulto el ĉi projektoj forgesas, ke l i n g v o e s t a s i l o o r g a n m a n i e r e l i g i t a k u n l a m e n s o. La plej fruaj el ĉi projektoj tute malatendis kaj preskaŭ plene ignoris ĝin. Ili opiniis, ke lingvo povas esti tute artefarita, dum ĝi povas esti nur raciigita naturlingvo. Pli fruaj projektoj estis nur porokulaj lingvoj de simboloj similaj al tiuj de matematiko (pazigrafio — skriblingvo). Ili tute ignoris parolorganojn de homo. Kaj ĝi estas same malprofita kiel la intenco labori ne per manoj, sed ekz. per dorso aŭ brusto. L i n g v o i n t e r n a c i a n e d e v a s ĉ e s i g i n a t u r l i n g v o n, ĝ i d e v a s f a r i r a c i a n d a ŭ r i g o n d e ĝ i. L i n g v o i n t e r n a c i a d e v a s e s t i r a c i a e v o l u o d e n a t u r l i n g v o j. Kaj el ĉiuj projektoj Esperanto sukcesis plenumi ĝin en plej alta grado eble pro ega lingvosento de ĝia kreinto — Zamenhof. La malsupre donata kompara tabelo de vortoj kaj formoj el 12 lingvoj ĝin montras pli bone, ol multaj paroloj.

K o m p a r t a b e l o d e v o r t o j e l 12 l i n g v o j

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| angla. . . . | me | brother | father | two | three | four | ten | nebulous |
| armena . . | (ĉemi) (inev) | inger | hares | urkus | irek | ĉors | dasn | amp |
| germana. . | (meiner) (mich) | Bruder | Vater | zwei | drei | vier | zehn | Nebel |
| gota . . . . | | brothar | fader | twai | theis | | | nibls |
| greka. . . . | mé | | pater | duo | treis | tettares | deka | |
| franca . . . | moi | frère | père | deux | trois | quatre | dix | (nébuleux) |
| itala . . . . | | fratello | padre | due | tre | quattro | diéci | nuvola |
| latina . . . | me | frater | pater | duo | tres | quator | decem | nebula |
| persa. . . . | mane | burader | peder | du | sih | ĉahar | de | |
| rusa . . . . | menja | brat | batja | dva | tri | ĉetyre | desjatj | (nebo) |
| latva . . . . | mani | brâlis | têvs | divi | trisi | ĉetri | desmit | (debesis) |
| sanskrito . | mana | bhratr | pitr | dva | tri | catvâr | desent | nadhas |
| Esperanto. | min | frato | patro | du | tri | kvar | dek | nebulo |

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| angla. . . . | birch | nose | eye | new | who |
| armena . . | | kit | aĉk akn | nor | ove |
| germana. . | Birke | Nase | Auge | neu | wer |
| gota . . . . | | | ofthalmós | | ĥwas |
| greka. . . . | | (rinós) | | néos | hos |
| franca . . . | bouleau | nez | oeil | nouveau | qui |
| itala . . . . | | naso | ôcchio | nova | qui |
| latina . . . | betulus | nasus | okulus | novus | quis |
| persa. . . . | | burnu | gjoz | nou | ki |
| rusa . . . . | berjoza | nos | oko | novyj | kto |
| latva . . . . | berzs | deguns | acis | jauns | kas |
| sanskrito . | | | | | kas |
| Esperanto. | betulo | nazo | okulo | nova | kiu |

A l d o n o a l l a t a b e l o: Esperantaj vortoj v a r m o, d o m o, r u ĝ a estos laŭvice :angla—warm, (domestic), red; armena—germ, dun, (sirun); germana — warm, (Zimmer), rot; gota — — (timrjan), raŭds; persa — germi, ĥane, surĥ; sanskrita — gharma, dama, rudhira; rusa — (ĵar), doĥ, (ruda); greka — thermos, domos, eruthros.

La tabelo montras, ke esperantaj vortoj estas nur meza formo de ĉiuj vortoj el ĉi-lingvoj, la formo, kiu estas plej facile parolebla de meza eŭropano. La kolono, komparanta la vorton "min" montras, ke eĉ plej mallongaj kaj ŝajne artefaritaj esperantaj finiĝoj ne estas senbaze elpensitaj. Ili estas nur meza formo de finaĵoj en naturlingvoj. La verba finaĵo "us"

estas nur mallonga komenco de la rusa "uslovnoje" (kondiĉa). Esperantaj vortoj, kiel estas videble, penas esti internaciigitaj vortoj el multaj naturlingvoj. Kelkaj troviĝas ne sole en la hindo-eŭropaj. Esperanta sufikso *in*, ekz., kiu ŝajnas nur germana kaj slava (en la rusa: gusj — gusynja, sudarj — sudarynja) ekzistas eĉ en la ĉina, kie ĝi nomas virinecon.

---

Ni venis al konkludo, ke en evoluĉeno de naturlingvoj Esperanto ne apartas. Lingvo internacia estas nur ŝtupo de evoluo de homlingvo, ĝi estas tute natura daŭrigo kaj sintezo de naturlingvoj. Kaj dum la vortaro ĝia estas precipe hindo-eŭropa, ĝia vortfarado, ĝia strukturo estas tiu de azi-amerikaj lingvoj. Esperanto estas pura tipo de l' algluanto. Esperanto en sia esenco plene similas al lingvoj naturaj, vivantaj. Kaj ĉar la lastaj evoluas, same devas evolui Esperanto. Kaj ĝi evoluas. Ĝi bone fartas ĉar ne apartas. Esperanto devas evolui same, kiel evoluas ĉiuj naturlingvoj. Sed kiel evoluas ili, kian vojon ili iras? Por respondi la demandon ni devas bone memori, ke lingvo por homsocio estas nur teknikilo organmaniere ligita kun la menso. Do lingvo devas evolui same, kiel evoluas aliaj teknikiloj. Sed ĉiu ilo en historio emas aliformiĝi por doni maksimumon da efekto per minimumo da laborforto aplikata al ĝi. Moderna tranĉilo estas pli simple kaj facile uzebla, ol siliktranĉilo de primitiva homo. Moderna skribado estas multe pli simpla kaj facila, ol prakultura hieroglifado. Moderna vapora turbinmaŝino estas pli simpla kaj ekonomia, ol malnova vapora piŝtmaŝino. Kaj paralele kun ĉi plisimpliĝo (perfektiĝo) sekvas en homsocio eĉ plisimpliĝo de interhomaj rilatoj. Anstataŭ malnovaj tre komplikaj ceremoniemaj titolnomoj (Alteco princa, Majesteco, grafa moŝto, sinjoro moŝto ktp.) venis la plej simpla kaj tute nehumiliga "kamarado" — kolego [1]).

Do la lingvo estante teknikilo same devas iri la vojon de nomita plisimpliĝo. Kaj efektive ĝi iras ĝuste ĉi vojon. Kaj la simpliĝo okazas paralele en buŝlingvo kaj en skriblingvo. Kompreneble la ŝanĝoj enlingvaj venas pro du kaŭzoj: 1) pro emo mekanike plifaciligi uzadon, prononcon de lingvo kaj 2) pro la emo perfektigi lingvon entute, kion oni povas atingi per reguligo kaj plisimpligo de ĝia strukturo. Pro la unua kaŭzo venas tiel nomata sona evoluo, okupanta fonetikon. Pro la dua venas reguligo de vort- kaj formuzado malapero el gramatiko de t. n. "esceptoj". La lastaj ŝanĝoj liveras ordigon kaj plisimpligon de lingvostrukturo kaj rilatas al gramatiko kaj sintakso. Uzante lingvon same kiel ajnan ilon la homo ĉiam celas ŝparon da fortoj aplikataj al la ilo. Ĉi-tial la ilo ĉiam emas plisimpliĝi, la vortoj kaj formoj en lingvo ĉiam emas mallongiĝi. Ofte tutaj frazoj fandiĝas en solan nelongan vorton. La franca aujourd' hui venis el tuta latina frazo: ad illum diurnum de hodie. La rusa kurolesitj (petolagaĉi) venis el tuta greka frazo: kirie elejson per la transira formo kirelejsonitj. La rusa sudarj (sinjoro) mallongiĝis en solan sonon *s*, kiun oni metas post iu vorto por vidigi ĝentilecon (net-s = ne, sinjoro). Pro ofta kaj kutima uzado de du vortoj ĉi vortoj emas fandiĝi por esti pli mallongaj. En rusa pralingvo estis ofte uzataj kune la du vortoj: nova-ego (nova-lia). Pro la dirita kaŭzo ili fandiĝis en unu solan vorton novogo, kreinte tiel genitivon de vorto nova. La vortoj fandiĝas kaj kripliĝas ĝis plena nerekonebleco. Ĉi fandiĝo kaj kripliĝo formas t. n. sonan evoluon, kiu en naturlingvoj (estinte tute spon-

---

[1]) La malnova rusa "milostivyj gosudarj" (estimata sinjoro) laŭvorte signifas: favora regnestro! La nuna rusa "tovariŝĉ" devenis el la vorto "tovar" (varo) kaj aludas homojn pervare ligitajn. Tiel el la epoko de senmona varŝanĝado venis al ni la vorto karakterizanta la rilatojn inter la homoj ("kamarado").

tana, eksterkonscia) tre malsimpligas la lingvojn, kreante multajn novajn formojn kaj kun ili diversajn "esceptojn" en gramatikaj reguloj. Kaj kiam abundo de la lastaj fariĝas ĝeniga, etimologio kaj sintakso ekreguliĝas ilin. Ekz., en antaŭrevolucia rusa lingvo ekzistis kvar finaĵoj de adjektivo (a-nomo) — e g o , j a g o , a g o , o g o (finaĵoj de genitivo — de-kazo). En postrevolucia rusa lingvo restis nur du finaĵoj el ĉiuj ĉi kvar, restis nur o g o kaj e g o. Sed naturlingvo estas tre malfacile ŝanĝebla en ĉi direkto — kaj venis futuristoj (trafe nomantaj sin estontanoj), kiuj perforte liberiĝas el katenoj de gramatikreguloj. Rusaj futuristoj, ekzemple, el vorto "liro" kreas la vorton "lirenj", analogan al vorto "sirenj" (siringo) per finaĵo. El vortoj n o v o s t j , s m e l o s t j ili kreas mallongajn n o v j , s m e l j , r a n j ktp. (Tio plene identas al Esperantaj: noveco — novo, kuraĝeco kuraĝo, frueco — fruo). Sed sizifa kaj vana estas ilia laboro, ĉar radikale reformi lingvon povas nur la racio. Nur la lasta povas dece elekti en kaoso de gramatikaj reguloj kaj esceptoj, en amaso de diversaj finaĵoj kaj formoj. Por reguligi ĉi kaoson estus bezona tute nova racia lingvo. Jen kial aperis tiel multenombraj projektoj de lingvo artefarita kaj jen kial venkis Esperanto, kiu estas la plej natura kaj facila el ili. Esperanto estas kvindekfoje pli simpla kaj facila ol ajna el naturlingvoj. (Finota.)



# NI HAVU SCIENCAN LITERATURON

S. RUBLEV

§ 1. La ideo pri Esperanto kiel pri potenca ilo de la estonta Socia Ordo, la tendenco apliki internacian lingvon en preparado de la Nova Socio ĉiutage kreskas kaj plifortiĝas. Tiu tendenco reflektiĝas ne nur en novaj organizaj metodoj, sed ankaŭ en karaktero de novaj esp.aj libroj kaj ĵurnaloj. Sur la sceno ekaperas Novaj Libroj, feliĉas heredontoj de vortaroj, lingvaj studoj kaj de ceteraj porlingvaj armiloj. La plej aĝa el tiuj ĉi heredontoj estas certe Belarta Literaturo, ĝin sekvas ankoraŭ juna, sed vivoplena Literaturo Soci-politika kaj nur en la fino rampas malforta etulo, kiu sin nomas Scienco. Kompare kun la lasta, belarta literaturo kaj la verkoj soci-politikaj havas grandan avantaĝon. Ili estas preskaŭ same proksimaj al miloj da legantoj, tutegale kian gradon atingis ilia intelekta kaj spirita evoluo: flamaj entuziasmaj junuloj kaj multespertintaj maljunuloj, simplaj laboristoj kaj eminentaj pensuloj, gvidantoj de la Homaro, kun egala atento legas tiujn ĉi librojn, en kiuj reflektiĝas multefaca vivo de Homo. Sed ni ne vidas similan unuecon en la scienca literaturo. Ĝi estas nek tiel universale komprenebla, nek tiel universale interesa. Ekzistas centoj da ŝtupoj en la scienca verkaro: de infanaj abocoj ĝis la plej specialaj sciencaj traktatoj.

Kaj en tiu granda amaso estas tre malfacile trovi la ĝustan vojon por la kresko de esp.a scienc-literaturo. Por plifaciligi nian taskon ni grupigu sciencajn librojn (certe estas multaj aliaj manieroj de grupigoj). Ni

povas dividi ĉiujn sciencajn librojn je du klasoj: unue, la klaso de profesie-teknikaj verkoj, kiuj servas al ĉiu fakulo kiel necesaj laboriloj (ĉu por praktikaj laboroj, ĉu por scienca esplorado); due, la verkoj science-klerigaj, kiuj edukas la homan penson kaj donas al ĝi sciencajn mondkoncept-ojn. Inter la lastaj verkoj evidentiĝas ankaŭ du grupoj: unue, sistemaj edukiloj de penso, kiu paŝo post paŝo, paragrafo post paragrafo evoluigas intelekton; tiaj estas lerniloj de ĝenerala karaktero; aliaj libroj en formo tute senfaka konigas al legantoj modernan staton de tiu aŭ alia scienco, de tiu aŭ alia scienca problemo; ili estas al ĉiu intelektulo kiel informiloj pri la Tutmonda Scio; ili estas ĝeneralaj skemoj de Kolektiva Menso, dum la verkoj fakaj (profesie-teknikaj) estas ĝiaj desegnaĵoj tre detalaj, sed ankaŭ tre limigitaj.

§ 2. Mi diris jam, ke esp.a scienc-literaturo troviĝas ankoraŭ en embria stato. Kelkaj bonaj verkoj, kelkaj malbonaj verketoj, sufiĉe bona (de historia vidpunkto) scienca revuo en la pasinto kaj sufiĉe malbona nun, apartaj artikoloj en diversaj ĝeneralaj periodaĵoj — jen estas la tuta ploranda bildo de la scienca verkaro. Certe estas tre bona afero zorgi pri la scienca terminologio, kion faras la organo de Internacia Scienca Asocio, sed ... de socia vidpunkto pli gravas apliki esp.on al la scienco, ol sciencon al esp.o. Oni kreu ne nur vortarojn kaj terminologiojn, sed vivajn sciencajn librojn. Ni konfesu, ke niaj specialaj verkoj ne estas bonstilaj, kaj ni rememoru nian beletristikon: de primitiva "Neĝa Blovado" ĝi venis al nia stilriĉa moderna literaturo. Same okazu al nia scienca literaturo; la vortoj mem ne faras ankoraŭ la stilon, ĝin donas nur longa viva uzado.

Kiu do faros necesan impulson al la scienca literaturo, kiu starigos ĝin je firmaj piedoj? Ni vidas, ke ISA klopodas precipe pri terminologiaj demandoj kaj pri esp.aj problemoj profesi-scienculoj (propagando kaj aplikado de esp.o en sciencula medio). Ni scias pri fakaj, profesiaj organizaĵoj; sed se ili ion eldonados, do certe siajn fakajn specialajn librojn. Sed kiu zorgos pri la libroj science-klerigaj, pri tiu potenca levilo de la Nova Socio, kiun forĝas Sennaciisma Cerbo de la tuta tero? La respondo estas senduba: ĝi fariĝu unu el taskoj de SAT. Kreante sennaciisman sciencan literaturon, SAT malfermos novan paĝon en historio de sia movado.

§ 3. Kiel realigi la soci-klerigan sciencan literaturon? En kia formo ĝi ekaperu? Ni pripensu la principojn de la konstruenda scienca libro-verkaro.

Unue pri larĝeco de temo. Oni evitu troan fakismon. Temo interesu larĝajn rondojn de sciemaj legantoj.

Due, pri grado de seriozeco. Estas tre malfacile kontentigi ĉiujn. La saman temon oni povas trakti diverse, laŭ klereco de legantoj. Ni elektu mezan vojon: kompreneblo por ĉiu havanta mezan klerecon: scienculoj pardonos nin pro troa simpleco en traktado. Sed oni evitu ankaŭ tro-vulgarigajn verkojn; ili povas havi la lokon nur en ĝeneralaj revuoj.

Trie, pri elekto de verkoj. Inter multaj verkoj pri la sama temo (kaj samgradaj laŭ kompreneblo) oni elektu la plej bonan, kiuj plej sukcese pentras bildojn de la scienco kaj ĝiajn modernajn problemojn, kiu plej klare kaj nete transdonas al legantoj resumon de grandioza intelekta laboro. En ĉiuj fakoj la scienco havas siajn klasikajn ĝeneralajn librojn, indajn je traduko.

La traduko de tiuj libroj formos serion "Moderna Scienco", kiu libro post libro dum kelkaj jaroj kreos solidan fundamenton de la estonta scienc-literaturo.

Sed ni ne forgesu ankaŭ lernilojn. En sia lingvo ĉiu havas eblecon lerni laŭ naci-lingvaj lerniloj, sed ne ĉiu havas okazon lerni laŭ bonaj lern-

iloj. Naciismaj lernolibroj pri sociaj objektoj, lernolibroj konstruitaj laŭ principoj de malnova metodiko, lernolibroj forŝiritaj de la moderna vivo, — jen kutimaj iloj de pensedukado. Kaj oni devas krei (aŭ traduki) lernilojn sennaciismajn, revoluciajn laŭ sia metodiko kaj laŭ sia proksimeco al vivo.

Fine ni bezonas sciencan revuon. Estas tre malfacile kunigi en unu revuo seriozajn artikolojn el tute diversaj sciencoj, ĉar preskaŭ ne ekzistas tiaj legantoj, kiujn interesas ĉ i u j sciencoj. Sed la severa neceseco, kiun postulas la vivo, igas nin koncentriĝi ĉirkaŭ u n u revuo. La sola ĝermo de vere serioza scienca revuo estas sendube "Literatur-Scienca Aldono". Estante popular-scienca ĝi fariĝu praulo de la estontaj fakaj sciencaj revuoj. Venos feliĉa tago, kiam ĝi naskos du potencajn filojn, du organojn de serioza scienco: revuon natur-sciencan kaj revuon pri sciencoj soci-ekonomiaj.

§ 4. Mi antaŭvidas jam kelkajn kontraŭdirojn de skeptikaj praktikuloj. "Rigardu, eĉ beletristiko ne estas multe legata. Kaj vi pretendas disvastigi sekan sciencan literaturon!" — Jes, ni pretendas. Belarta literaturo estas unu flanko de spirita vivo, la scienco estas la alia; ambaŭ egale gravas, ambaŭ egale necesas por vivo. Sed la sciencaj verkoj donas ne nur estetikan ĝuon, ne nur provizon da novaj ideoj kaj emocioj, sed ankaŭ r e a l a n s c i o n , kio estas tiom necesa al ĉiu. Kaj mi ne dubas, ke scienca literaturo trovos grandan amason da legantoj, kaj la scienca libro kiel o b j e k t o d e s t u d o (sed ne nur de legado) larĝe disvastiĝos kaj ĝi trafos ne nur en grupan bibliotekon, kio tre ofte okazas al multaj beletristikaj libroj.

De socia vidpunkto la apero de scienca libro okazigos grandan revolucion en historio de Esperanto. Libroj-propagandiloj kaj libroj-amuziloj cedos lokon al libroj-edukiloj kaj klerigiloj. Kaj samtempe cedos sian unuan lokon lingvoamatoroj kaj poŝtmarkistoj. Ĉar jam venis tempo por novaj esp.istoj — seriozaj kaj sciemaj socianoj. Por ili bona literatura libro pli forte argumentas ol centoj da propagandaj broŝuroj kaj ĵurnaloj, sed centoble pli potencas por ili faka esperanta libro. Bedaŭrinde al ni restas ankoraŭ longa vojo ĝis tiu feliĉa momento, kiam esp.a scienca literaturo povos kontentigi ĉiun fakulon. Sed ni devas tuj fari la unuan paŝon sur tiu ĉi vojo. Ni ne timu: sen la unua paŝo la sekvantaj ne estas fareblaj.

Odessa, 15. II. 1924.



# ELDONAĴOJ DE S. A. T.

Aĉeteblaj ĉe Administracio: R. Lerchner, Colmstrasse 1, III. r.
Leipzig-Stötteritz (Germanio) — Poŝtĉeka konto n.o 6835

| | fr. svis. | Mk.g. or. |
|---|---|---|
| **Malgranda Terbiblio** de F. Szerényi . . . . | 3,— | 1,50 |
| **Goethe-Faŭsto I** trad. Barthelmess, broŝ. . | 1,80 | 0,80 |
| **Eklumo en Abismo** trad. Else, broŝ. . . . | 1,50 | 0,60 |
| " " " " " bind. . . . | 2,80 | 1,10 |
| **Tri verkoj de Tolstoj** trad. J. M. . . . . . | 0,70 | 0,35 |
| **Dokumentoj de Komunismo** . . . . . . | 1,80 | 0,80 |
| **Komunista Manifesto** . . . . . . . . . . | 0,50 | 0,25 |
| **„Ni Legu"** kombilita de Brunulo (IIa Eldono) . . | 1,80 | 0,75 |
| **For la neŭtralismon** de Lanty (IIa eld.) . . | 0,30 | 0,15 |
| **A. B. C. de Sennaciismo** de V. Elsudo . . . | 0,75 | 0,35 |
| **Sigelmarkoj po folio** (20 p.) . . . . . . . | 0,70 | 0,35 |
| **Malnovaj n-roj de Sennacieca Revuo** (propagandcele) po ekz. . . . . . . . . . | 0,10 | 0,05 |

# LIVERKONDIĈOJ

La livero okazas **nur post antaŭa pago.** Oni pagu **nur per naciaj monbiletoj.** Poŝtmarkoj ne estas akceptataj.

# RIMARKIGOJ PRI PREZOJ

Modifoj de la prezoj estas rezervataj.

La **unua** prezkolono montras la prezojn por bonvalutaj landoj en svisaj frankoj. La **dua** por mez-kaj malbonvalutaj landoj en mk. germ. oraj: **1 dol. = 4,20 Mk. g. oraj,** pagebla laŭ la taga kurzo en pap. mono.

Por sendkostoj oni aldonu **20 %** por registrita sendaĵo **25 %** de la pagota sumo.

S.A.T.-anoj sciigantaj la membro-n.ron rajtas depreni **nur 1 ekz.** de ĉiu speco kun 20 % rab.

# KIO ESTAS S.A.T.?

## (Sennacieca Asocio Tutmonda)

**S.A.T.** estas organizaĵo, disvastigita super la tuta tero, celanta *utiligi Esperanton por la servo de la proletaro tutmonda.*

**S.A.T.** *ne estas politika*, sed *proletara kulturorganizaĵo,* klopodanta eduki kaj klerigi siajn membrojn en *supernacia* (sennacieca) spirito.

**S.A.T.** celas emancipi la manlaboristojn je la gviduzurpemo de la poliglotaj intelektuloj, kiuj *fakte* estas la solaj perantaj agentoj inter la diverslandaj proletoj.

### Kiaj organoj estas je ĝia dispono por plenumi tiujn taskojn?

**S.A.T.** eldonas monatan ilustritan „*Sennacieca Revuo*“ kun “*Literatur-Scienca Aldono.*“ — *Redakcio:* E. Lanty, 24 Boulevard Beaumarchais, Paris XI. — *Administracio;* R. Lerchner, Colmstr. 1, III, Leipzig-Stötteritz. *Jarabono:* 2.50 m. g. or., kun “*Lit.-Sc.Ald.*“ 4.40 m. g. or. ankaŭ kvaronjare pagebla.

**S.A.T.** eldonas *ĉiujare* tre gravan *jarlibron* kun kompleta adresaro de siaj membroj. Krom tio la jarlibro enhavas statistikojn pri la laborista movado kaj aliajn sciencaĵojn.

**S.A.T.** eldonas per sia *kooperativo* tre valorajn kaj gravajn verkojn, esperantigitajn. Ekz.: “*Faust*“ de Goethe; “*Eklumo en Abismo*“ de Henri Barbusse, „*Dokumentoj de Komunismo kun komunista Manifesto*“ kaj pluaj aliaj verkoj jam estas aperintaj kaj ankoraŭ estas aperontaj.

**S.A.T.** kreis antaŭ ne longe *internacian Presservon,* kiu ankoraŭ estas en komenca stato, tamen jam montris rezultojn kontentigajn.

### Kion S.A.T. jam faris?

**S.A.T.** okazigis depost sia fondiĝo (1921) tri internaciajn kongresojn sub la honorprezido de Henri Barbusse, Romain Roland kaj Albert Einstein.

**S.A.T.** influas per sia “Senn. Revuo“, kiu aperas en kvanto de proksimume *7000 ekzempleroj,* pli ol *50 000 lab.-esp.istojn.* Per presado de tradukitaj artikoloj el S. R. en la centro-organoj de la lab. organizaĵoj tutmondaj, certe pli ol *100 000 ne-esperantistoj* estas fruktige informataj pri l'laborista movado sur la tuta terglobo.

**S.A.T.** vekis grandegan intereson por siaj tendencoj en la rondoj de l'*prolet-esperantistoj,* kio garantias *sukceson* en la *proletaraj rondoj.*

**S.A.T.** servas *senpere* al la unuiĝoj de antimilitemuloj.

**S.A.T.** batalas kontraŭ nacia instigo kaj malsaĝigo, kontraŭ la subpremado kaj ekspluatado de la proletaro per la kapitalista socio, por la popolinterfratiĝo kaj la popolpaco.

Informojn petu ĉe:

**Administracio Richard Lerchner, Colmstrasse 1, III., Leipzig-Stötteritz.**

**Atentu!** Traduku nacilingven por tion aperigi en viaj tagaj gazetoj.